3.ª Epoko * N.º 89 Oktobro * 1924

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj * Organo de los esperantistas españoles

## UNUA KONGRESO
Primer Congreso

### De la FEDERACIÓN ESPERANTISTA LEVANTINA en CHESTE (VALENCIA)

**La 19-an kaj 20-an de oktobro 1924ª**
Los días 19 y 20 de octubre 1924

Neeble ŝajnas al ni sentigi al la leganto le neforgeseblajn impresojn, la kortuŝantajn emociojn kaj ĝojojn elsentitajn de ni dum la malmultaj horoj pasigitaj kun niaj fervoregaj *samideanoj* el la apuda urbeto Cheste, la dimanĉon difinitan por la efektivigo de la precipaj agoj de la Kongreso. Multe ni esperis de la ĉiam montrita entuziasmo kaj esperantemo de la chestanoj, vere esperantigitaj de nia senlaca, obstina samcelano S-ro. Máñez; sed la realeco superis ĉiun esperon kaj la Kongreso atingis neimageblan gravecon kaj solenecon.


S-ro. Vicente Navarro, urbestro de Cheste

Je la 9ª, horo fiksita por nia kunigo ĉe la Norda Stacidomo, ni kolektiĝis en la granda giĉeta salono ĉirkaŭ S-ro. Piñó, kiu agis kiel nia karavanestro, helpata de nia Mikaelo, la ĉiama pedelo de la Ateneo kaj de la Grupo Valencia, kiu suprentenante kaj movigante malgrandan esperantan flagon, altiris la atenton de ĉiu eniranta kongresano.

Imposible tarea nos parece la de expresar al lector las inolvidables impresiones, las íntimas emociones y alegrías que hemos sentido durante las escasas horas que hemos pasado junto a nuestros fervorosos *samideanos* de la vecina villa de Cheste, en el domingo prefijado para que tuvieran lugar los principales actos del Congreso. Mucho esperábamos del entusiasmo siempre demostrado y de la inclinación al esperanto de los chestanos, verdaderamente esperantizados por nuestro infatigable y obstinado colega Sr. Máñez; pero la realidad ha superado a toda esperanza y el Congreso alcanzó una importancia y una solemnidad inesperadas.

A las nueve de la mañana, hora señalada para nuestra reunión, en la Estación del Norte nos agrupamos en el amplio vestíbulo alrededor del Sr. Piñó, el cual hacía de jefe de la expedición, auxiliado por nuestro Miguel, el sempiterno conserje del Ateneo y del Grupo Valencia, quien, tremolando enhiesta una pequeña bandera esperantista, atraía la atención

Kiam ni formis amaseton da preskaŭ 50, inter kiuj ne mankis belaj sinjorinoj kaj fraŭlinoj, kaj la elira horo de la vagonaro proksimiĝis, ni eniris en la stacidomon, ĉiam antaŭirataj de la verdstelita flageto; ni prenis lokon en diversaj vagonoj, kiuj estis jam preskaŭ plenaj, kaj per nia konstanta babilado en esperanto kaj nia bonhumoro ni transformis la seriozajn veturilojn en gajaj kaj agrablaj departementoj, kie oni komencis ĝui la belajn sentojn de frateco kaj kamaradeco.

Tuj post la eliro de la vagonaro, ni estis agrable surprizitaj de neatendita kontenteco: juna revizoro supreniris, salutis kaj petis niajn biletojn per tute korekta esperanto. Li estis antaŭ kelkaj jaroj unu el la lernantoj ĉe la klaso de nia Grupo *Antaŭen;* promesis al ni fari la eblon por ĉeesti en tiu vespero nian Kongreson kaj amike ni adiaŭis lin.

La vojaĝa horo rapide forpasis kaj ni je la 10ª kaj duono alvenis al la stacidomo de Cheste. Tie, granda amaso da urbanoj estrata de la urbestraro kaj de la ĝentila urbestro S-ro. Vicente Navarro, estis atendanta nian alvenon.

Post la unuaj entuziasmaj salutoj kaj manpremoj de la lokaj esperantistoj al la ĵus alvenintaj kaj reciproke, la karavano ekmarŝis tra la urbaj ĉefaj stratoj de la stacidomo al la urbodomo, ĉiam antaŭirata de la esperantistaj flagoj.

En la urbodomo okazis la oficiala salutparolado kaj prezentado de la ĉefaj esperantistoj al la aŭtoritatoj, kaj post tiuj protokolaj komplimentoj, la kongresanoj kolektiĝis por okazigi la laboran kunsidon de la Kongreso.

de todos los congresistas que llegaban.

Cuando llegamos a constituir un pelotón de unos cincuenta, entre los que no faltaban bellas señoras y señoritas, y se acercaba la hora de salida del tren, penetramos en la estación, siempre precedidos de la verde y estrellada banderita; ocupamos nuestro puesto en diversos vagones, ya casi llenos, y con nuestra continua charla en esperanto y nuestro buen humor, transformamos aquellos coches serios en alegres y agradables departamentos, en los que se comenzó a gozar de los hermosos sentimientos de fraternidad y camaradería.

A los pocos instantes de partir el tren, nos vimos gratamente sorprendidos por una inesperada satisfacción: un joven revisor subió, saludó y pidió nuestros billetes en correctísimo esperanto. Dicho revisor había sido hacía algunos años alumno en la clase de nuestro Grupo *Antaŭen;* nos prometió hacer lo posible para asistir aquella tarde a nuestro Congreso, y amigablemente nos despedimos de él.

La hora que duró el viaje pasó rápidamente y, a las diez y media, llegamos a la estación de Cheste. Allí, multitud de vecinos, presididos por el Ayuntamiento y su amable alcalde, D. Vicente Navarro, esperaba nuestra llegada.

Después de los saludos entusiastas y apretones de manos recíprocos de los esperantistas locales a los recién llegados, la caravana comenzó a marchar, a través de las principales calles de la villa, que conducen desde la estación a la Casa-Ayuntamiento, siempre guiados por las banderas esperantistas.

En la casa de la villa tuvo lugar la presentación y saludos oficiales de los principales esperantistas a las autoridades, y después de este acto protocolario, los congresistas se reunieron para celebrar la sesión de trabajo del Congreso.

❖ ❖ ❖ ❖ ❖

## LABORA KUNSIDO

Ĝi komencis je la 11ª, ĉe la Publikaj Lernejoj. Por la prezida tablo estis elektataj la sekvantaj S-roj.: Piñó, Ventura, Caplliure, Serra, Pérez Requena kaj Soler, tiu-ĉi lasta kiel Sekretario. La salono estis plenega je federacianoj kaj scivolema publiko, kiu deziris aŭdi la esperantajn diskutojn.

S-ro. Piñó, Prezidanto, malfermis la kunsidon per klariga paroladeto kaj rajtigis paroli la Sekretarion, laŭ la tagordo de la kunsido, kiu estas jena:

### Unua punkto pritraktota

Relegado de la Federacia Regularo por akordigo kun tiu de la Iberia Konfederacio, voĉdonita en Bilbao. Alkonformigo de kelkaj artikoloj.

### Dua punkto

Aplikado kaj revivigo de la 2ª kaj 3ª artikoloj federaciaj pri restarigo de grupoj.

### Tria punkto

Ekzameno de la regulo 8ª de la Konfederacio pri kotizaĵo kaj fiksado de tiu de la grupoj rilate al la Federacioj kaj Konfederacio.

### Kvara punkto

Rilatoj de la grupoj kaj ceteraj organizaĵoj kun U. E. A.

### Kvina punkto

Venontaj Kongresoj de la Federacio. Loko por la dua.

S-ro. Soler legas raporton de la lasta kunsido de la Federacio kaj ĝia Regularo.

## SESION DE TRABAJO

Empezó a las once, en las Escuelas Públicas. Para la mesa presidencial fueron nombrados los siguientes señores: Piñó, Ventura, Caplliure, Serra, Pérez Requena y Soler, este último como Secretario. El salón estaba completamente lleno de federados y de público curioso, que deseaba oir las discusiones en Esperanto.

El Sr. Piñó, Presidente, abrió la sesión con un pequeño discurso aclaratorio, y cedió la palabra al Secretario, según el orden del día de la sesión, que fué el siguiente:

### Primer punto a tratar

Revisión del Reglamento de la Federación, para amoldarlo al de la Confederación Ibérica, votado en Bilbao. Conformidad de algunos artículos.

### Segundo punto

Aplicación y restauración de los artículos federativos 2.º y 3.º, sobre restablecimiento de grupos.

### Tercer punto

Examen del artículo 8.º de la Confederación sobre cuota y fijación de la de los grupos en relación a las Federaciones y Confederación.

### Cuarto punto

Relaciones de los grupos y demás organizaciones con U. E. A.

### Quinto punto

Siguientes Congresos de la Federación. Lugar del segundo.

El Sr. Soler lee el acta de la última sesión de la Federación y su Reglamento.

S-ro. Piñó parolas pri la IIª Kongreso de Iberia Konfederacio en Bilbao, kiu iom modifis nian federacian Regularon.

S-ro. Soler legas propran proponon al la dua punkto; jen estas ĝia enhavo:

«Por la plenumo de la reguloj 2ª kaj 3ª de la Federacia Regularo, ĉar jam estas starigita la *Iberia Konfederacio*, mi konsideras plej urĝa la restarigon de la malnovaj dormantaj grupoj esperantistaj kaj la kreadon de novaj.

Tiucele oni devas sendi tuj de la federacia Komitato reorganizan cirkuleron adresitan al ĉiuj konataj aktivaj aŭ neaktivaj amikoj de Esperanto de ĉiuj urboj kaj urbetoj de la regiono.

Tio povas esti efektivigota ĉu per aparta eldonita folio, ĉu per publikigo de tiu cirkulero en nia organo LA SUNO HISPANA, kies numero estos dissendata ankaŭ al ĉiuj konataj urbaj institucioj kaj societoj».

Oni malfermas diskutadon pri tiu ĉi propono. S-ro. Ventura opinias, ke estos pli efike presigi apartan folion cirkuleran, ol ĝia publikigo en nia gazetorgano. S-ro. Caplliure, kontraŭe, juĝas ke la gazeto enhavanta tiun cirkuleron povas pli impresige trafi la neesperantistojn, pligrandigante la nombron da ekzempleroj. S-ro. Piñó, kunigas ambaŭ opiniojn kaj konsideras plej konvene publikiĝi tian cirkuleron en la gazeto kaj plie per aparta presita folio. S-roj. Botella, Marzal kaj aliaj, konsentas pri tio, kaj fine S-ro. Serra ne nur aliĝas al tiuj opinioj, sed deziras aldoni alian kondiĉon, kiu estas, ke la Komitato klopodos aranĝi kiel eble plej oftajn ekskursojn al la esperantigotaj urboj, por fari propagandajn kunvenojn, konferencojn kaj ĉiun alian eblan laboron. Unuanime estas aprobataj tiuj aldonoj kaj la respondan proponon diritan.

El Sr. Piñó habla del II Congreso de la Confederación Ibérica en Bilbao, que modificó en algo nuestro Reglamento federativo.

El Sr. Soler lee una proposición propia al segundo punto; he aquí su contenido:

«Para el cumplimiento de los artículos 2.º y 3.º del Reglamento de la Federación, puesto que ya está fundada la *Confederación Ibérica*, considero lo más urgente restablecer los antiguos y durmientes grupos esperantistas y crear otros nuevos.

A este fin, se debe enviar inmediatamente por el Comité federativo una circular reorganizadora dirigida a todos los amigos conocidos de esperanto, activos o inactivos, en todas las ciudades y pueblos de la región.

Esto puede realizarse por medio de una hoja editada aparte, o por la publicación de aquella circular en nuestro órgano LA SUNO HISPANA, cuyo número será distribuído también a todas las instituciones y sociedades conocidas de los pueblos».

Se abre discusión sobre esta proposición. El Sr. Ventura opina que sería más eficaz imprimir una hoja circular aparte, que su publicación en nuestro órgano de la prensa. El Sr. Caplliure, por el contrario, juzga que el periódico que contenga aquella circular puede impresionar más eficazmente a los no esperantistas, aumentando para ello el número de ejemplares. El Sr. Piñó, reune ambas opiniones y considera lo más conveniente publicar tal circular en el periódico y además en hoja impresa aparte. Los Sres. Botella, Marzal y otros, se muestran conformes con esto, y finalmente, el Sr. Serra no sólo se adhiere a estas opiniones, sino que desea añadir otra condición, cual es, la de que el Comité procure organizar, en lo posible, frecuentes excursiones a los pueblos por esperantizar, para dar mitines de propaganda, conferencias y cualquiera otra labor realizable. Por unanimidad son aprobadas

S-ro. Soler legas alian propran proponon pri la tria punkto; jen estas:

«Ĉar la fiksita kotizaĵo por konfederacianoj estas 0'35 pesetoj kaj plie ĉiu membro de grupo devas subteni ĝiajn

estas adiciones y la correspondiente proposición dicha.

El Sr. Soler lee otra propuesta suya sobre el tercer punto; héla aquí:

«Puesto que la cuota fijada para los confederados es de 0'35 pesetas, y además todo miembro de grupo debe soste-



Kongresanoj en la ĝardeno de la teatro

elspezojn kaj tiujn de sia Federacio, mi proponas la jenon:

Ĉiu grupano pagos por la tutaj societaj servoj unu peseton monate, kiu dividiĝos jene:

0'35 pesetojn por Konfederacia kotizaĵo.

0'25 pesetojn por Federacia kotizaĵo.

0'40 » » Grupa »

Ekscepte, por iuj urbetoj, kie estos malfacile ricevi tian monkvanton de siaj anoj, ili povos sin regi tute libere, nur plenumante la devigon por Federacio kaj Konfederacio po tiom da membroj, kiom ili povos enskribi por ricevi saman nom-

ner los gastos de éste y los de su Federación, propongo lo siguiente:

Todo socio de grupo pagará por todos los servicios sociales una peseta al mes, que se dividirá así:

0'35 pesetas para cuota de la Confederación.

0'25 pesetas para cuota de la Federación.

0'40 pesetas para cuota del Grupo.

Por excepción, algunos pueblos pequeños, donde sea difícil conseguir esta cantidad de sus socios, podrán regirse en un todo libremente, cumpliendo sólo la obligación respecto de la Federación y Confederación, a razón de tantos miem-

bron da gazetoj kaj ceteraj servoj, kiu ajn estu la kotizaĵo, kiun ili atingos de siaj societanoj».

Oni longe diskutas tiun proponon. S-ro. Máñez montras sin konsenta nur pri la ekscepto farita en ĝi, ĉar li ne povas diskuti, kiel li dezirus, la fiksitan kvanton de la Konfederacia regularo aprobita en Bilbao. S-ro. Piñó, kiel ĉeestinto en la Bilbao 'a Kongreso kaj spertulo pri la elspezoj necesaj por gvidi asocion kiel nian Iberian Konfederacion, eldoni gazetorganon, k. t. p., faris trafan defendon de la kialo de ĝiaj decidoj rilate al membrokotizo kaj aliaj aspektoj. Ĉiuj konvinkiĝis kaj post kelkaj klarigoj estas unuanime kaj plene aprobata la propono en la senco, ke nur la kotizoj fiksataj por la Federacio kaj Konfederacio, tio estas, sume 0'60 pesetojn monate, estas devigaj por ĉiu grupano aŭ aparta konfederaciano, lasante plenan liberecon pri la grupa kotizaĵo; ke la grupoj devas interrilatiĝi por ĉiu afero rekte kun sia koncerna Federacio kaj ke tiu ĉi normo komencos regi de 1ª januaro proksima.

Pri la kvara punkto, *Interrilatoj kun U. E. A.*, S-ro. Piñó faras tre varman defendon de ĝia pasinta laborado kaj efiko sur la propaganda kaj praktica kampoj por la subtenado de nia idealo. Li diras, ke multaj asocioj kaj entreprenoj stariĝis kaj eĉ ŝajne forte vivadis, sed fine ili malaperis; nur U. E. A. laboradis kaj laboras ankoraŭ por proksima venko. Tial ni ĉiuj devas daŭrigi nian apogon kaj helpon al ĝi, kiel la plej taŭga kaj vera reprezentanto de la esperantisma forto en la tuta mondo.

S-ro. Máñez aliĝas tutkore al tiuj vortoj kaj nur bedaŭras ke la kotizaĵo por membriĝo al U. E. A. estas iom kara por

bros como puedan inscribir para recibir el igual número de periódicos y demás servicios, sea cualquiera la cuota que reciban de sus socios».

Se discute extensamente esta proposición. El Sr. Máñez se muestra conforme, sólo con la excepción hecha en ella, puesto que no puede discutir, como fuera su deseo, la cantidad fijada por el Reglamento de la Confederación, aprobado en el Congreso de Bilbao. El Sr. Piñó, como asistente al citado Congreso y experimentado respecto a los gastos necesarios para dirigir una asociación como nuestra Confederación Ibérica, editar un periódico, etc., hizo una oportuna defensa del motivo de sus decisiones respecto a la cuota de miembro y otros aspectos. Todos se convencieron de ello y, después de algunas aclaraciones, es unánime y plenamente aprobada la proposición, en el sentido de que sólo las cuotas fijadas para la Federación y Confederación, esto es, en suma 0'60 pesetas al mes, son obligatorias para todo socio de grupo o confederado independiente, dejando plena libertad respecto a la cuota del grupo; que los grupos deben relacionarse para todo asunto directamente con su respectiva Federación y que esta norma comience a regir desde el 1.º de enero próximo.

Respecto al cuarto punto, *Relaciones con U. E. A.*, el Sr. Piñó hace una muy calurosa defensa de su pasada labor y eficacia en los campos de la propaganda y de la práctica, sosteniendo nuestro ideal. Dice que muchas asociaciones e instituciones se fundaron y hasta parecían gozar de vida próspera, pero al fin desaparecieron; sólo U. E. A. trabajó y trabaja todavía para conseguir una victoria próxima. Por eso todos debemos proseguir nuestro apoyo y auxilio hacia ella, como el más eficaz y verdadero representante de la fuerza del esperantismo en todo el mundo.

El Sr. Máñez se adhiere de todo corazón a estas palabras, y sólo lamenta que la cuota de adhesión a U. E. A. es algo

ke ĉiu esperantisto, riĉa aŭ malriĉa, povu eniri en ĝin, kiel estas la deziro de multaj; tial oni devas fari ĉiujn eblajn klopodojn por atingi ian specialan rabaton por membrokotizo de malriĉaj esperantistoj aŭ grupoj. S-ro. Piñó respondas, ke pri tio laboras jam de kelka tempo nia agema pioniro S-ro. Mangada, por interkonsento kun S-ro. Privat, la senlaca vicprezidanto de U. E. A. Plie, ĉar unu el la celoj de nia Konfederacio estas «interrilatiĝi kun la Internaciaj institucioj kaj laŭ eble helpi ilin por Esperanto», oni proponas sendi al S-ro. Mangada kaj al la Komitato de Iberia Konfederacio la deziresprimon de tiu ĉi Kongreso, ke ili interkonsentu pri aliĝo kaj helpo de la Konfederacio al U. E. A. Tio estas aprobata.

Pri la kvina kaj lasta temo de la Kongreso, oni konsentas pri tio ke similan al tiu ĉi oni devas aranĝi alian ĉiujare ĉe la plej konvena urbo regiona. Doktoro Serra, faras afablan inviton por ke la elektota urbo por la II[a] Kongreso dum la unua aŭ dua dimanĉo de oktobro de la venonta jaro estu Liria, belega urbo el la Valencia provinco, kun preskaŭ dekmil loĝantoj, kiu estis unu el la lokoj kie Esperanto unue enradikiĝis kaj plej alte suprenlevis nian standardon. Longedaŭra kaj tondra aplaŭdado estis la respondo de ĉiuj ĉeestantoj al la vortoj de S-ro. Serra; multaj dankis kaj aklamis lin kaj, post pritrakto de kelkaj detaloj, estis plene aprobita lia invito, kun aldono pri tio ke la Federacia Komitato zorgos por la efektivigo de oftaj ekskursoj al Liria preparaj por la II[a] Kongreso.

Poste S-ro. Prezidanto demandis pri ia pritraktota afero, kaj restante nenia parolpeto, li fermis la kunsidon adiaŭante ĉiujn ĝis la venonta kunsido en la dirita urbo, kaj la kunveno finiĝis per entuzias-

cara para que todo esperantista, rico o pobre, pueda ingresar en ella, como es el deseo de muchos; por eso se deben hacer todas las posibles gestiones, con el fin de conseguir alguna rebaja especial en las cuotas de esperantistas o grupos pobres. El Sr. Piñó contesta que sobre el asunto ya trabaja desde hace algún tiempo nuestro activo campeón Sr. Mangada, para llegar a un acuerdo con el señor Privat, el incansable vicepresidente de U. E. A. Además, puesto que uno de los fines de nuestra Confederación es «relacionarse con las instituciones Internacionales y ayudarlas en lo posible para el triunfo del Esperanto», se propone enviar al Sr. Mangada y al Comité de la Confederación Ibérica el deseo de este Congreso de que ambos se pongan de acuerdo respecto a adhesión y auxilio de la Confederación a U. E. A., lo cual es aprobado.

Sobre el quinto y último tema del Congreso se acuerda que semejante a éste se debe organizar otro anualmente, en el pueblo que más convenga de la región. El Dr. Serra hace una cariñosa invitación para que el pueblo elegido para el II Congreso, durante el primero o segundo domingo de octubre del próximo año, sea Liria, bellísima ciudad de la provincia de Valencia, con cerca de diez mil habitantes, que es uno de los sitios donde el Esperanto arraigó primero y que más elevado sostuvo nuestro estandarte. Una larga y atronadora salva de aplausos fué la respuesta de todos los presentes a las palabras del Sr. Serra; muchos le dieron las gracias y le aclamaron, y después de tratar sobre algunos detalles, se aprueba plenamente su invitación con la adición de que el Comité de la Federación procurará realizar frecuentes excursiones a Liria, preparatorias del II Congreso.

Luego, el señor Presidente pregunta si alguien desea tratar de algún asunto, y no habiendo nadie que pida la palabra, levanta la sesión, despidiéndose de todos hasta la próxima, en dicha ciudad, y ter-

maj *¡Vivu Esperanto!*, *¡Vivu Cheste!*, *¡Vivu Liria!*

Ni vizitis poste la ejon de la loka esperantista grupo, kies prezidanto estas nia nelacigebla propagandisto S-ro. Máñez. Tie ni salutis la lertan komitatanon S ro. Esteve, kiu prezentis al ni la esperantistan junularon de Cheste; ni ekekzamenis kelkajn el tiuj knaboj kaj ni konvinkiĝis pri la lernemeco de tiuj junuloj.

Samtempe kelkaj kongresanoj iris por viziti la belan paroĥan preĝejon, kie eĉ la sakristano estis esperantisto.

Je la unua horo kaj duono posttagmeze, la lerta kuracisto kaj ĝentila urbestro, regalis nin per afekta bankedo servita de belegaj esperantistinoj. Post la desertoj kelkaj fotografamatoroj impresis kelkajn kliŝojn; sed, ĉar la loko kaj lumo ne estis taŭgaj por tio, la kongresanoj translokiĝis al la kapelo de la Virgulino de la Soleco kaj en ĝia ŝtuparo la okazaj fotografistoj fotografis kongresanajn grupojn.

Kelkaj momentoj antaŭ la kvina, en la teatro de la Societo *La Liceo*, tute plena je publiko, oni okazigis la solenan esperantistan kunsidon. La belega salono kaj la teatra balkonaro estis ornamitaj per multenombraj hispanaj kaj esperantaj flagetoj. Ĉe la scenejo sidiĝis la urbestro kaj la parolontoj.

Malfermata la kunsido de S-ro Navarro, kiu parolis la unua, kiel aŭtoritatulo kaj reprezentanto de la Direktorio, la esperanta loka horo kantis la hungaran kanton *La Stelo*. La Sekretario legis multenombrajn telegramojn, leterojn, oficojn, de societoj kaj izolitaj esperantistoj, kiuj ne estis povintaj ĉeesti la Kongreson, kaj aliĝis al ĝi. Inter kelkaj societoj neesperantistaj kiuj aliĝis per oficiala aliĝilo estas citindaj: *La Oficiala Komerca Ĉambro el Valencio*, la *Specimena Internacia Foiro el Valencio*, la *Agrikultura Oficiala Cambro*, k. a.

mina la reunión con entusiastas ¡Viva el Esperanto!, ¡Viva Cheste!, ¡Viva Liria!

Luego visitamos el domicilio del Grupo Esperantista local, cuyo presidente es nuestro infatigable propagandista señor Máñez. Allí saludamos al diligente vocal Sr. Esteve, quien nos presentó a la juventud esperantista de Cheste; examinamos someramente a algunos de aquellos muchachos y nos convencimos de la aplicación de dichos jóvenes.

Al mismo tiempo algunos congresistas fueron a visitar el hermoso templo parroquial, donde hasta el sacristán resultó ser esperantista.

A la una y media de la tarde, el inteligente médico y cortés Alcalde nos obsequió con un espléndido banquete, servido por bellas esperantistas. A los postres, varios aficionados impresionaron algunos clichés; pero, debido a que las condiciones de local y luz no eran a propósito, los congresistas se trasladaron a la capilla de la Virgen de la Soledad, y en su escalinata, los improvisados fotógrafos retrataron algunos grupos de congresistas.

Momentos antes de las cinco, en el teatro de la Sociedad *El Liceo*, completamente lleno de público, tuvo lugar la solemne sesión esperantista. El hermoso salón y los palcos del teatro, se hallaban adornados con numerosas banderas españolas y esperantistas. En el escenario tomaron asiento el Alcalde y los oradores.

Abierta la sesión por el Sr. Navarro, quien habló el primero, como autoridad y en representación del Directorio, el coro esperantista local ejecutó el canto húngaro, *La Estelo*. El Secretario leyó multitud de telegramas, cartas, oficios de sociedades y esperantistas aislados, que no habían podido asistir al Congreso y se adherían al mismo. Entre varias asociaciones no esperantistas adheridas por oficio, son dignas de citar: la *Cámara Oficial de Comercio de Valencia*, la *Feria Internacional de Muestras de Valencia*, la *Cámara Oficial Agrícola* y otras.

Sinsekve paroladis la jenaj sinjoroj: S-ro. Sanchis Tamarit, por la *Federacio Kooperativa Levantina;* D-ro. Serra, Prezidanto de la Grupo Liria, kiu invitis la chestanojn por ke ili ĉeestu la Duan Regionan Kongreson en Liria; la nacia profesoro S-ro. Mingarro, el Benetúser, je la nomo de la tieaj esperantistoj; S-ro. Pérez Requena, kiu salutis la Kongreson je la nomo de la samideanoj el Benimámet; S-ro. Botella, Prezidanto de la Grupo Valencia kaj rajtigata reprezentanto de la Oficiala Komerca Ĉambro, paroladis je la nomo de ambaŭ societoj; kaj S-ro. Máñez, kiel Prezidanto de la loka organiza komitato, videble kortuŝita dankis la partoprenantojn de la Kongreso kaj salutis la gastojn.



Kongresanoj antaŭ la ermitejo.

Sinjoro Ventura (José), profesoro de Valencia Liceo, parolas je la nomo de la internacia esperanta sciencistaro kaj kla-

Seguidamente hablaron los siguientes señores: el Sr. Sanchis Tamarit, por la *Federación Cooperativa Levantina;* el Dr. Serra, Presidente del grupo de Liria, quien invitó a los chestanos para que asistieran al Segundo Congreso Regional en Liria; el maestro nacional, Sr. Mingarro, de Benetúser, en nombre de los esperantistas de dicha población; el señor Pérez Requena, quien saludó al Congreso en representación de los esperantistas de Benimámet; el Sr. Botella, Presidente del Grupo Valencia y representante de la Cámara Oficial de Comercio, habló en nombre de ambas asociaciones, y el señor Máñez, como Presidente del comité local organizador, visiblemente conmovido, dió las gracias a los que habían tomado parte en el Congreso y saludó a los forasteros.

El Sr. Ventura (D. José), profesor del Instituto de Valencia, habla en nombre de los esperantistas cultivadores de la

rigas kiamaniere la homaj klopodoj fariĝas tuj homaraj akiraĵoj dank' al komunikebleco mara, aera kaj onda. Li certigas ke vera neŭtraleco ĉe rilatoj inter diverslandaj sciencistoj aŭ sciencamantoj ne ekzistos ĝis malaperos la lingvaj altrudoj kaj esprimas sian varman deziron ke Esperanto plej baldaŭ fariĝu la necesa interkomprenilo por la intelektaj laboristoj de la tuta mondo.

Fraŭlino Gratiniana Verduch, blindulino chestana, legis pere de siaj fingroj, en esperanto, la jenan paroladon.

Aŭtoritatuloj, gekongresanoj, gesinjoroj ĉiuj: En la nomo de la tuthispana blindularo, mi vin salutas korege.

La geblinduloj estas la plej malfeliĉaj estaĵoj de la tuta kreitaĵaro; ĉar al ni mankas la plej bela kaj utila sento, la vido; kaj plie, ĉar la iloj por instrui nin estas malmultaj, malbonaj kaj multekostaj. Ĝenerale ni ne estas sufiĉe instruitaj kaj tial, la plimulto el ni, ne nur vide estas blindaj, sed ankaŭ intelekte.

De la momento kiam Esperanto aperis en la mondo, nia sorto iom pliboniĝis, ĉar de tiam, ni povas, ŝanĝi korespondaĵojn kaj objektojn kun gesamsortanoj de ĉiuj landoj el la tero; aĉeti malkare kaj abunde, lernolibrojn, sciencajn verkojn, muzikpaperojn, amuzlibrojn k. t. p., kaj aboniĝi al tutmondaj esperantistaj gazetoj, ilustritaj per belaj kaj reliefaj bildoj kaj geografiaj kartoj kiuj instruas nin pri terformo, naciformo k. t. p. Esperanto por ni estas kiel hela suno starigita ĉe nia animo, kiu lumigas la tutan mondon, ebligante al ni por ĉion vidi, pere de nia intelekto. De la apero de Esperanto, ni jam ne estas tute blindaj tial, ni dankas kaj amas ĉiujn, kiuj apogas Esperanton ĉar ili faras por ni kaj por la tuta homaro grandan bonon.

Ciencia y explica cómo los esfuerzos del hombre se hacen en seguida del dominio mundial, gracias a la facilidad de comunicaciones marítimas, aéreas y ondulatorias. Asegura que una verdadera neutralidad no existirá en las relaciones entre cultivadores o amantes de la Ciencia, en tanto no desaparezcan las supremacías lingüísticas, y expresa su ardiente deseo de que el Esperanto se haga, lo más pronto, el imprescindible vehículo de intercomprensión para los trabajadores intelectuales de todo el mundo.

La señorita Gratiniana Verduch, ciega chestana, leyó, valiéndose de sus dedos, en esperanto, el siguiente discurso:

Autoridades, congresistas, señores todos: En nombre de los ciegos de toda España os saludo cordialmente.

Los ciegos somos los seres más desgraciados de toda la creación; porque nos falta el más bello y útil de los sentidos: la vista; y además, porque los medios para instruirnos son pocos, malos y caros. Generalmente no estamos suficientemente instruídos, y por ello la mayor parte de nosotros no sólo estamos ciegos de la vista, sino que también de la inteligencia.

Desde el instante en que Esperanto apareció en el mundo, nuestra suerte mejoró un poco, porque desde entonces podemos cambiar correspondencia y objetos con nuestros compañeros de infortunio de todos los países de la tierra, comprar abundantes y baratos libros de estudio, obras científicas, papeles de música, obras de distracción, etc., y suscribirnos a las revistas esperantistas mundiales, ilustradas con bonitas láminas de relieve y cartas geográficas que nos enseñan la forma de la tierra y de las naciones, etc. Esperanto es para nosotros como un sol brillante, establecido en nuestra alma, que ilumina a todo el mundo, poniéndonos en condiciones de verlo todo por medio de nuestra inteligencia. Desde la aparición del Esperanto, ya no estamos ciegos del todo; por eso agradecemos y amamos a todo el que lo apoya,

S-ro. Millas, legis belegajn slipojn de profesorino Natividad Domínguez, Direktorino de la lernejo *Cervantes.*

La Provinca deputato, S-ro. Martínez Sabater, faris senpreparan elokventan paroladon, gratulis la kongresanojn kaj deziris al la esperantistoj feliĉan sukceson.

S-ro. Caplliure parolis esperante je la nomo de La Suno Hispana kaj de la Universala Esperanto Asocio, kies celon kaj taŭgecon li rimarkigis per entuziasmaj vortoj.

Fraŭlino Aurora Yanguas, je la nomo de la *Esperantista Virinaro,* alterne parolanta esperante kaj hispane, prononcis belegajn frazojn dum kelkaj minutoj kaj altiris la atenton de la ĉeestantoj per ŝia korekta esperanta elparolado.

S-ro. Piñó, Advokato kaj Konsilanto de Valencia Urbestraro, diris ke li estas devigata paroladi kiel anstataŭanto de la universitata profesoro kaj prezidanto de la Aganta Komitato de la Federación Esperantista Levantina S-ro. Jordana de Pozas, kiu nune partoprenas internacian kongreson en Praha. Li aludis al historiaj virinoj kaj citis la ekzemplojn de S-inoj Zamenhof kaj Isbrucker por certigi ke la virino ĉiam inspiris la grandajn entreprenojn al la gravuloj sciencaj, artaj, poetaj kaj militaj. Li incitis la chestaninojn por ke ili helpu la esperantismon kaj certigis ke kun la helpo de la virinoj ni la esperantistoj baldaŭ venkos kaj efektiviĝos la antaŭdiro de nia Majstro en la Vojo: «Paŝo post paŝo, post longa laboro, ni atingos la celon en gloro». Tio estas, se ni daŭrigas pacience, malrapide, kun firma kaj konstanta volo, nian vojon, deflankigante la mokojn del' homoj kaj la obstinajn barojn, ni atingos nian celon kaj Esperanto lumigados per hela lumo novan mondan epokon kie regos por ĉiam la Progreso, la Paco kaj la Amo.

porque realiza para nosotros y para toda la humanidad un gran bien.

El Sr. Millas leyó unas bellísimas cuartillas de la profesora D.ª Natividad Domínguez, Directora del Grupo escolar *Cervantes.*

El diputado Provincial, Sr. Martínez Sabater, pronunció un improvisado y elocuente discurso, felicitó a los congresistas y deseó a los esperantistas un lisonjero éxito.

El Sr. Caplliure habló en esperanto en nombre de La Suno Hispana y de la Asociación Universal Esperantista, poniendo de relieve su objeto y utilidad entusiásticamente.

La señorita Aurora Yanguas, en nombre de las *Mujeres Esperantistas,* alternando el esperanto con el castellano, pronunció bellas frases durante algunos minutos y atrajo la atención de los concurrentes por su correcta oración esperantista.

El Sr. Piñó, Abogado y Concejal del Excmo. Ayuntamiento de Valencia, dijo que se veía obligado a hablar en sustitución del profesor de la Universidad de Valencia, Presidente del Comité Ejecutivo de la Federación Esperantista Levantina, Sr. Jordana de Pozas, actualmente en un congreso internacional en Praha. Aludió a las mujeres que cita la Historia, y sirviéndose como ejemplo de las señoras de Zamenhof y de Isbrucker, afirmó que la mujer siempre fué la inspiradora de las grandes empresas a los grandes hombres en la Ciencia, en el Arte, en la Poesía y en la Guerra. Incitó a las chestanas para que apoyaran al esperantismo y aseguró que con la ayuda de la mujer pronto venceremos los esperantistas y se cumplirá la profesía de nuestro Maestro consignada en la Vojo (El Camino): «Paso a paso, después de penosa labor, conseguiremos nuestro ideal cubiertos de gloria». Esto es, si proseguimos pacientemente, sin apresuramientos, con firme y constante voluntad nuestro camino, sin hacer caso de las burlas de los hombres, ni de los obstáculos que obstinadamente

se oponen a nuestro paso, conseguiremos nuestro objetivo y el Esperanto iluminará con luz radiante una nueva era mundial en la que reinarán eternamente el Progreso, la Paz y el Amor.

Ĉiuj paroladistoj estis treege aplaŭdataj kaj aŭskultataj silente de la kultura popolamaso.

Todos los oradores fueron calurosamente aplaudidos y escuchados con religioso silencio por un público cultísimo.

Post la parolado de S-ro. Piñó oni kantis la himnon *La Espero* kies ĉarmaj strofoj aŭdis la ĉeestantaro stare. Fine S-ro. Urbestro deklaris finita la kunvenon, laŭdis la organizintojn, kaj deziris al la Dua gravan sukceson.

Después del discurso del Sr. Piñó, se cantó el himno *La Espero*, cuyas encantadoras estrofas oyeron los asistentes puestos de pie. Finalmente, el señor Alcalde declaró terminado el Congreso, elogió a los organizadores y terminó deseando al Segundo un éxito rotundo.

Per grandaj aklamoj finiĝis tiu memorinda kunveno; la entuziasmo estis nepriskribebla kaj daŭris ĝis la lastaj momentoj. La krioj-'Vivu Esperanto!-Vivu Cheste!-Vivu Liria!, sekvis nin de la teatro ĝis la stacidomo, kien ni rapidiris por atendi la vagonaron; kaj eĉ je la lastaj minutoj ni estis akompanataj de la tuta loĝantaro el Cheste.

En medio de grandes aclamaciones, finalizó tan memorable acto. Los gritos de ¡Viva el Esperanto!, ¡Viva Cheste!, ¡Viva Liria!, nos siguieron desde el teatro hasta la estación, a donde nos dirigimos rápidamente para esperar el tren, y, hasta los últimos minutos, nos vimos acompañados por todos los habitantes de Cheste.

Fine la vagonaro alvenis, ni supreniris al ĝi por reveni Valencion, kaj ankoraŭ lastfoje ni ĉiuj kantis la himnon, kies belaj versoj perdiĝis en la ombra nokto inter la bruego de la kuranta vagonaro.

Por último, el tren llegó, subimos a él para regresar a Valencia y todavía, por última vez, nosotros todos cantamos el himno, cuyos hermosos versos se perdieron en la sombra de la noche entre el trajinoso ruido del correr del tren.

Neniam ni forgesos la simpatiajn chestanojn kaj la belegajn chestaninojn.

Nunca olvidaremos a los simpáticos chestanos y bellísimas chestanas.

## Historio de Cheste

Cheste (elparolu Ĉeste) estas vilaĵo da 9.000 loĝantoj, la plej grava el Chiva teritorio, havas belajn kaj larĝajn stratojn, ĝiaj du placoj estas ampleksaj, sed la ĉefa estas la Vendeja Placo kie staras la fasado de la Urbestrejo: tiu-ĉi konstruaĵo estis refarita je 1906ª jaro kaj ĉe ĝia antaŭa muro ekzistas la Urba Fontano, konstruita de la tempo de la reĝo Karolo IVª.

La pli bela konstruaĵo estas la Paroĥa Preĝejo kun ĝia apuda sonorilturo, alta

## Historia de Cheste

Cheste es una villa de 9.000 habitantes, la más importante del término de Chiva, tiene anchas y bonitas calles, sus dos plazas son amplias, pero la principal es la Plaza del Mercado, donde se levanta la fachada del Ayuntamiento; esta obra fué reedificada el año 1906 y en su muro anterior existe la Fuente del Pueblo construída en tiempo del rey Carlos IV.

El monumento más hermoso es la Iglesia Parroquial, con su adjunto campa-

kaj belaspekta. Ambaŭ staras en la sama areo kie estis la araba moskeo. En la interno de la preĝejo oni povas vidi belegajn pentraĵojn de la famaj pentristoj Planas, Collado kaj López.

Cheste aŭ Xert (araba nomo) apartenis al la maŭroj, sed la aragona reĝo Jako I<sup>a</sup> konkeris ĝin en la jaro 1238<sup>a</sup>. Poste, kiel ĉefurbo de la barona posedaĵo tiel nomita, apartenis al S-ro. Ximen Pérez de Arenós en la 1<sup>a</sup> de septembro 1251<sup>a</sup>. Ankaŭ apartenis al la Montesa kavalira ordeno ĝis la jaro 1495<sup>a</sup>, kiam la reĝo Ferdinando II<sup>a</sup> deklaris ĝin reĝa heredaĵo. En 1813<sup>a</sup> almilitis ĝin franca marsalo Suchet, sed la loĝantoj de tiu-ĉi vilaĵo kun tiuj da aliaj urbetoj, atakis la izolitajn batalionojn de la napoleona militistaro ĝis Andaluzio. En la jaro 1836<sup>a</sup> la karolana armeo, estrata de Don Carlos V<sup>a</sup>, batalis kun la reĝinaj trupoj en la cirkaŭaĵoj de tiu-ĉi vilaĵo, sed estis venkitaj de la tiama registara militistaro, kaj estis devigataj forkuri.

Estas rimarkinda la kulturo de la chestanoj; kaj estas notinde ke en tiu vilaĵo naskiĝis kleraj viroj kiuj glordonis la valencian regionon.

nario, alto y arrogante. Ambas construcciones ocupan la misma superficie donde fué la mezquita árabe. En el interior del templo pueden verse bellísimos cuadros de los afamados pintores Planas, Collado y López.

Cheste o Xest (nombre árabe), perteneció a los moros, pero el rey aragonés, Jaime I, la conquistó en el año 1238. Después, como capital de la baronía de su nombre, perteneció a Don Ximen Pérez de Arenós en 1.º de septiembre de 1251. También perteneció a la orden de Montesa, hasta el año 1495, en que el rey Fernando II la incorporó a la Corona. En 1813 fué ocupada por el mariscal francés Suchet, pero sus habitantes, juntamente con los de otras villas y lugares, atacaron a los batallones dispersos del ejército napoleónico hasta Andalucía. En el año 1836, el ejército carlista, capitaneado por Don Carlos V, entabló combate con las tropas de la reina en los alrededores de esta villa, pero fué vencido por el ejército leal y obligado a huir.

Es notable la cultura de los chestanos, y digno de notar que en esta villa nacieron esclarecidos varones que dieron días de gloria a la región valenciana.

---

# Ĉe la Liceo de Badajoz

## Esperantista Kunveno

La lastan dimanĉon de aŭgusto okazis ĉe la salonego de la Societo *Metiista Liceo* la anoncita Kunveno por la starigo de urba esperantista grupo, kiun ĉeestis multaj amantoj de la ideo de helpa internacia lingvo.

La lerta profesoro de tiu-ĉi lingvo, S-ro. Ludoviko Campos, legis la Regularon de la Societo.

Poste S-ro. Almada diris kelkajn vortojn, klarigante la celon de la kunveno, kaj je la fino oni aranĝis la voĉdonon de la Direktanta Komitato, kiu estas starigita laŭ jene:

# En el Liceo de Badajoz

## La Asamblea esperantista

El último domingo de agosto se celebró en el Salón de Actos de la Sociedad *Liceo de Artesanos* la Asamblea anunciada para la constitución de un grupo esperantista pacense, a la que asistieron muchos entusiastas de la idea, que representa la lengua auxiliar internacional.

El culto profesor de la asignatura, D. Luis Campos, dió lectura al Reglamento de la Sociedad.

A continuación el Sr. Almada pronunció unas palabras, dando cuenta del acto celebrado, y al final se procedió al nombramiento de la Junta directiva, que quedó constituída en la siguiente forma:

*Prezidanto:* S-ro. Ludoviko Campos.
*Vicprezidanto:* S-ro. Rodrigo Almada.
*Sekretario:* S-ro. Patillas.
*Kasisto:* S-ro. Córcolas.
*Voĉdonantoj:* S-roj. Valeso, Alcaraz kaj V. Rando.

Tiuj sinjoroj Komitatanoj estis ĉiuj tre gratulitaj.

*Presidente:* D. Luis Campos.
*Vicepresidente:* D. Rodrigo Almada.
*Secretario:* Sr. Patillas.
*Tesorero:* Sr. Córcolas.
*Vocales:* Sres. Valeso, Alcaraz y V. Rando.

Los señores de la Directiva fueron todos mny felicitados.

---

# Pacifismo

La honora sekretariino de la angla movado «Ne plu milito!», dissendis grandan alvokon, kies enhavon ni publikigas tie ĉi, ĉar ĝi estas adresita al pacifistoj de la tuta mondo.

## ALVOKO POR MONDO SEN MILITO

### La junularo respondas al Lord Birkenhead

Ĉie hodiaŭ la junularo ribelas. La geknaboj, kiuj suferis kaj ankoraŭ suferas, kiel rezulto de la mondmilito, kunigas manojn trans la landlimojn kaj brave komencas konstrui novan civilizacion.

### La malsukceso de la pliaĝa generacio

Estas bone por la estonteco, ke la junularo havas sufiĉe da imago koncepti mondon sen milito, kaj da fido kaj kuraĝo labori por ĝia realigo.

Niaj pliaĝuloj ĵetis nin en mondon de milito. Ili havas nenian adekvatan planon por konstrui mondon de paco. Iliaj timemaj skemoj ne kontentigos la ardan entuziasmon de la junularo.

La registaroj ankoraŭ elspezas siajn milionojn ekipante armeojn, militŝipojn, kaj aviadilojn.

La registaroj ankoraŭ elspezas siajn milionojn ĉe scienca esplorado — ne por la utilo al la homaro, sed por ĝia detruo. Ĉie estas ĥaoso, mizero, kaj malespero.

# Pacifismo

La secretaria honoraria del movimiento pacifista inglés «No más guerra», ha enviado una gran alocución, cuyo contenido publicamos aquí, porque va dirigido a los pacifistas de todo el mundo.

## ALOCUCION PARA UN MUNDO SIN GUERRA

### La juventud contesta a Lord Birkenhead

Hoy día la juventud se rebela en todas partes. Los muchachos que han sufrido y sufren todavía, por resultas de la guerra mundial, juntan sus manos por encima de las fronteras y comienzan con bravura a construir una civilización nueva.

### El fracaso de la generación pasada

Es bueno para el porvenir que la juventud tenga imaginación suficiente para concebir un mundo sin guerra y fe y valor para realizarlo.

Nuestros mayores nos han arrojado a un mundo de guerras. No tienen ningún plan adecuado para construir un mundo de paz. Sus tímidos ensayos no satisfarán el ardoroso entusiasmo de la juventud.

Los gobiernos todavía gastan sus millones equipando ejércitos, acorazados y aeroplanos.

Los gobiernos todavía gastan sus millones en exploraciones científicas, no para bien de la humanidad, sino para su destrucción. Por todas partes reina el caos, la miseria y la desesperación.

## Milito ne estas neevitebla

La junularo vokas al la homaro havi la kuraĝon fini ĉion ĉi, kaj kuraĝe paŝi antaŭen al mondo sen milito.

La junularo asertas, ke la milito ne estas neevitebla.

La junularo asertas, ke la milito povas esti forigita.

La milito estas forigebla per la inspiro al la homoj, ke ili laboru en la spirito de servo anstataŭ en la spirito de avareco, kaj edukiĝu por starigi internacian klason esprimantan ĉi tiun frataran idealon.

## La guerra no es inevitable

La juventud hace un llamamiento a la humanidad para que tenga el valor de acabar con todo esto y pasar adelante, sin miedo, al mundo sin guerra.

La juventud asevera que la guerra no es inevitable.

La juventud asegura que se puede desterrar la guerra.

Se puede evitar la guerra inculcando a los hombres que deben trabajar con espíritu de altruismo en lugar del espíritu de avaricia, y educarse para crear una clase internacional que predique ese ideal de fraternidad.

## Brilaj premioj

Ŝtatistoj, kiuj vivas en la mondo de hieraŭ, diras ke «la mondo proponas brilajn premiojn al tiu, kiu havas fortan koron kaj akran glavon». Ni diras, ke estas tempo, ke la fortaj koroj de la junularo rifuzu uzi la akrajn glavojn por gajni brilajn premiojn por ŝtatistoj kaj financistoj. Ni serĉas ne brilajn premiojn por privilegiita malmulto, sed oran ŝancon de vivo por ĉiuj.

## Brillantes premios

Los hombres de Estado, que viven en el mundo de ayer, dicen que el mundo ofrece brillantes premios a quien tiene el corazón fuerte y la espada afilada. Nosotros decimos que ha llegado el tiempo de que los corazones fuertes de la juventud rechacen el uso de las afiladas espadas para ganar premios en beneficio de estadistas y financieros. Nosotros buscamos, no brillantes premios para una privilegiada minoría, sino dorada probabilidad de vida para todos.

## Junularo de Anglujo — antaŭen!

Konferencoj okazis je la kontinento, ĉe kie miloj da gejunuloj el diversaj landoj kunvenis, viglaj per tiu entuziasmo de juneco, kiun nenio povas bridi.

Gefratoj de Anglujo, ĉu ni restu malantaŭe?

Ni devas kunigi kun niaj kontinentaj kamaradoj por atingi nian pacan idealon.

Ni ankaŭ devas partopreni en la pionira laboro.

Ni devas ne ĉesi ĝis la junularo proklamos—individue, nacie, kaj internacie. —NE-PLU-MILITO.

## ¡Juventud de Inglaterra, adelante!

En el continente se han dado conferencias, en las que se han reunido millares de jóvenes de ambos sexos, de diversos países, animados por ese entusiasmo de la juventud, que nadie puede refrenar.

¡Hermanos de Inglaterra!: ¿quedaremos nosotros rezagados?

Nosotros debemos unirnos a nuestros camaradas del continente para conseguir nuestro ideal de paz.

Nosotros también debemos tomar parte en los trabajos de avanzada.

Nosotros no debemos cesar hasta que la juventud proclame individual, nacional e internacionalmente.—NO MÁS GUERRA.

# El Esperanto en una página

Pronunciación de las letras:

**a, e, i, o, u, ŭ, b, d, f, k, l, m, n, p, r, s, t, v,** lo mismo que en castellano.
**c** = tse, **ĉ** = ch, **g** = gue, **ĥ** = j, **h** = aspirada, **j** = y,
**ĝ** = dche, **ĵ** = yche, **ŝ** = sche, **z** = dse

(Estos cuatro últimos sonidos son: 1.°, el de *dj* o *tj* en francés, *adjudant*, o en catalán y valenciano *viatje;* 2.°, *j* en dichos idiomas, *je*, *Jaume*, *jardí;* 3.°, *ch* francesa en *chat*, o *x* catalana o valenciana en *baix*, *eixe;* y 4.°, *z* en francés o *s* en catalán, *casa*, *rosa).*

El acento recae siempre en la penúltima sílaba.

---

Artículo único, *la* = el, la, los, las
El sustantivo singular termina en *o: homo* (hombre), *kato* (gato).
» adjetivo » » *a*: *homa* (humano), *kata* (gatuno).
» infinitivo. . . . . . . . . *i: ami* (amar), *skribi* (escribir).
» adverbio. . . . . . . . . *e: bone* (bien), *plene* (completamente).

El plural se forma añadiendo al singular una *j: libroj* (libros), *katoj* (gatos)—pronúnciese *líbroy, kátoy.*

Terminaciones de los tiempos y modos del verbo:

| *as* | *is* | *os* | *us* | *u* |
|---|---|---|---|---|
| presente | pasado | futuro | condicional | imperativo-subjuntivo |
| *ant* | *int* | *ont* | para los participios activos. | |
| *at* | *it* | *ot* | » » » | pasivos. |

Unico verbo auxiliar *esti* (ser, estar o haber), para los tiempos compuestos.

Ejemplos: *mi amas* (yo amo), *ili amas* (ellos aman), *vi amis* (usted amó), *ni amos* (nosotros amaremos), *li amus* (él amaría), *amu* (ama tú), *ke ili amu* (que ellos amen), *mi estas amanta* (yo estoy amando), *vi estas amonta* (usted ha de amar), *li estas amata* (él es amado), *mi estos amata* (yo seré amado)...

Las preposiciones forman la declinación, como en castellano, así: *de la patro* (del padre), *al la historio* (a la historia), menos el acusativo, que termina en *n: mi legas la libron* (yo leo el libro).

El vocabulario está formado de palabras que son ya internacionales o que pertenecen a los idiomas europeos más usados: *teatro, telefono, amiko, bona, blanka, sana ami, skribi, elekti...*, las cuales se multiplican combinándose con afijos: *reakiri, malamiko, amikeco, amikaro,* etc.

TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas, 11, VALENCIA.